„Mutig vorwärts!“ **Aŭstria Esperantisto** „Kuraĝe antaŭen!“

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

**Oficiala organo de Int. Esperanto-Muzeo kaj Aŭstria Esperanto-Asocio**

Jarabono (komencebla ĉiumonate) por Aŭstrio S 4.60, pagebla ankaŭ en partpagoj (1/2 j. S 2.35), aliaj landoj sv. fr. 3.75; ponumere 45 g (1 resp. kup.).

Aperas la 5. de ĉiu monato. **Redakcio kaj administracio:** Wien I. Neue Burg (Tel. R 27-803). **Manuskriptojn ni nur resen las kun reafranko. Poŝtŝparkaso-konto D-123.826**

Ne ĝustatempa malmendo de nia gazeto devigas al pagado de la jarkotizo por la sekvonta jaro.

N-ro 12 (125 en la vico). Wien, la 5. de decembro 1935. 12. jaro

## Naskiĝtago de nia majstro.

La 15. dec. nia majstro enmondiĝis. La esperantistaro festas ĉi tiun tagon kaj je memoro al nia Majstro subtenas nian movadon per aĉeto de Esperanto-libro. Do ĉiu aĉetu Esperanto-libron!

Sed ĉi tiu tago ankaŭ instigu la s-anojn al meditado kaj pripensado!

Ĉu ni la tutan pasintan jaron ĉiam agis laŭ la principoj de l' Majstro; ĉu en niaj agadoj ĉiam la „interna ideo“ estis la gvida; ĉu ni ĉiam — ni esperantistoj — estis nur amikaj, unu al la alia, kaj neniam malhelpis nian Sanktan Aferon pro personaj ambicioj kaj pro malamikaj sentoj kontraŭ kunlaborantoj?

Ĉu ni dum la tuta jaro per tio ne pekis kontraŭ la spirito de nia Majstro?

Ĉiu meditu, pripensu kaj agu en 1936, en la jaro de nia 28-a, en vere Zamenhofa maniero kaj la sukceso de Esperanto en Aŭstrio — kun unuigitaj fortoj, „Viribus Unitis“ estas ja nia aŭstria devizo — estas certa!

Ĉiu aŭstria esperantisto estu membro de Aŭstria Esperanto-Asocio kaj per tio membro de la granda popolfamilio, unuigata en Universala Esperanto-Asocio!

Tiu ĉi revo de interfratiĝo kaj de amika kunlaboro, la revo de nia Majstro, alproksimiĝos nin al nia finvenko kaj vi esperantistaj fratoj — senesceptaj ĉu laboristoj, oficistoj, diplomitoj ktp. —, se vi mano en mano kunhelpos al ties efektivigo — vi laboros por la eterno!

Kaj la Majstro vin benos!

Steiner.

## Zamenhof, Esperanto kaj la Verda Stelo.

Zamenhof, mem ruso, vivis en Rusujo, ĉirkaŭita de rusoj, poloj, hebreoj kaj germanoj, kiuj krom tio apartenis al la grek-ortodoksa, rom-katolika, mohamedana, protestanta kaj juda religio.

Estante ankoraŭ juna studanto, li observadis kaj travivis la reciprokajn malamikajojn, eĉ persekutojn.

Sub tiuj agadoj la sentema koro de l' junulo suferis kaj li turmentegis sian cerbon, kiamaniere la kaŭzoj de la malamikeco estus forigeblaj.

Lia revo pri komuna lingvo pli kaj pli densiĝis kaj spite de siaj propraj suferoj pro tiu ĉi afero li fine konfesis aŭtorecon de Esperanto, de la ilo por alproksimiĝo kaj fratiĝo de l' popoloj.

Kajnun, deksep jarojn post lia morto, vidu ĉirkaŭ vi. Ĉu vi mem kredas, ke la fratiĝo alvenis? Tute ne! Jes, certe ekzistas jam multaj unuiĝoj, la movado komencas disvastiĝi kaj tamen ĝi enhavas ĝermojn por novaj disigoj. Vidu nur! Ekzistas Esperant-unuiĝo por katolikoj, por kristanaj laboristoj, por socialistoj ktp. Ankaŭ la Sankta Insigno, la verda stelo kvinpinta jam estas falsigata. Oni vidas ĝin aŭ ĉirkaŭata per ruĝa ringo, aŭ ĝi portas ian alian signon.

Ĉu vi kredas, ke du esperantistoj, ĉiu portanta stelon kun alia aldono, alparolos unu la alian? Ne, neniam! Malkonfideme ili evitadas tion.

Estu politikanoj, religiuloj, nekredulo j, kion vi volas, eĉ en viaj fermitaj Esperantorondoj; sed ekstere estu nur homoj, fratoj, interligitaj per la sama lingvo, signante vin per la ununura vera insigno, laŭ la intenco de nia Majstro!

Originale de Eduard Sykora, Wien.

## Kristfest-Saluto.

Nur malmultajn vortojn diras
Mi al vi, geamikar':
Ĉion bonan mi deziras
Por Kristnasko kaj novjar'.

Paco regu sur la tero
Kaj feliĉo super vi!
Kaj la lingvo de l' espero
Vivu, floru pli kaj pli!

Karl Vanselow.

## Al Dambraŭskas.

okaze de lia 75-a naskiĝ'ago.

Al Dambraŭskas granda viro
De l' litova land',
De l' lir' ora kavaliro,
Princo de la kant'.

Nun dum Lia datreveno
De l' naskiĝa hor',
Kun vortetoj petaj: Prenu
De mi je memor' . . . . .

Sendas laŭran mi glor-kronon
El la Amerik'
Kaj parnasan ankaŭ tronon;
Mi, Lia amik'.

Ĉar Li estas brila stelo
Kaj Edena roz'
Kaj diero de l' ĉielo;
Do, apoteoz'!

Kazis Vidikaŭzkas, Philadelphia, USA.

## Lingvaj problemoj.

**Sufikso: -end.** Akademio faris decidon favoran al oficialiĝo de la sufikso -end kun la signifo „kiu devas esti . . . ata“. El 16 membroj 9 ĝin aprobis. Prezentata al LK-anoj el 124 voĉdonis 82, el ili 60 malaprobis la oficialiĝon.

Laŭ la statutoj, se pli ol triono malaprobas decidon, Akademio denove diskutos ĝin.

La Kongresgazeto „Aŭstria Esperantisto“ aperos **de januaro 1936** en 3500 ekzempleroj, ĉiam kun multaj bildoj!




**Kongreskotizo** valida ĝis fino de januaro 1936: svis. fr. 20.—, por familianoj 12.50, junuloj malpli ol 18-jaraj 8.25.

**Aliĝis** pli ol 220 el 20 landoj. Listo kompleta en la januara numero.

La **Kongresgazeto** „Aŭstria Esperantisto" senpage al la aliĝintoj de 1.—VIII. 1936.

**Donaclisto** publikigota en januaro.

**Kongreskarto** jam estas preta kaj dissendota plej malfrue komence de januaro.

**Rabatoj** jam certigitaj: sur fervojoj en Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio kaj Germanujo kaj sur niaj ŝipoj de Passau ĝis Ruse kaj returnen. Rabatoj en aliaj landoj jam petataj.

Ni jam faris petskribon al la **Germana Registaro**, por ke ĝi permesu al la germanaj kongresanoj eniri Aŭstrion sen pago de nun kutimaj 1000 Mk. Respondo tuj sciigota.

La ŝtatai **redakcioj** de niaj gazetoj afable publikigu ĉi tiujn informojn en siaj gazetoj kaj per tio kunhelpu al plena sukceso de nia XVIII-a. Dankon.

**Dankon al la E.-gazetaro** pro ilia propagando, kiun ili faras por nia 28-a.

Grandstile tiun propagandon faras **„La Pirato"**, kiu oferis en sia lasta numero eĉ du paĝojn por ĉi tiu celo, aldonante ankoraŭ desegnitan bildon de nia prezidanto antaŭ la mikrofono.

LKK.

**Aŭstria Esperantisto**
de januaro 1936 funkcios kiel
**Kongresa Gazeto.**

Pro manko da loko ni forigos la germanan parton, do „Die Zweite Sprache für Alle" ne plu aperos.

AE. enhavos de januaro multajn bildojn, ĉiujn novajojn pri la Kongreso, konstante la liston de la aliĝintoj kaj Esp.-german. frazaron pri la ĉiutaga vivo, necesan por la kongresanoj kaj utilegan por la lernantoj ĉu per Radio ĉu en aliaj kursoj kaj ankaŭ por progresintoj.

Ni esparas, kontentigi ĉiujn, kaj ke niaj karaj legantoj restos fidelaj al ni, subtenante la

**„oficialan aŭstrian gazeton"**

ankaŭ per grandstila kunlaboro — alsendo de artikoloj, raportoj kaj varbado de novaj membroj.

Ni atentigas, ke kongresanoj, kiuj regule abonis AE. por 1936, nur pagos la sumeton de $ 1.60.

Koran dankon pro via fideleco!

Bonajn festotagojn, feliĉigan Novjaron! La redakcio.

## Esperanto eldonejo „Aŭstria Esperantisto".

Por akceli la eldonadon de necesaj E.-lerniloj kaj varbiloj por la aŭstria esperantistaro kaj riĉigi nian literaturon per valoraj verkoj pri aŭstria lando, ĝia historio kaj kulturo k. a. por la tutmonda esperantistaro nia E.-eldonejo, eldoninta ĝis nun nur unu libreton, nun ekfunkcios por vigla agado.

Preninte sur sin la ĉefajn por-aŭstriajn eldon-taskojn, ĝi preparis por la venontaj monatoj riĉan eldon-programon, el kiu provizore estu citata la jeno:

1. Eldono de nova, germana **Esperanto ŝlosilo** en granda kvanto kaj tre malmultekosta, por ebligi al ĉiu vastan amas-propagandon per bagatela elspezado de nur kelkaj groŝoj.
2. Eldono de luksa **Bildolibro pri Vieno** kun priskriba teksto en Esperanto, ĉarma donacverko kaj bela memorajo por ĉiuj partoprenantoj en nia XXVIII-a.
3. Eldono de luksa **Bildolibro pri Aŭstrio** kun priskriba teksto en Esperanto.
4. 80 paĝa Gvidlibro **„Per aŭtobuso tra Aŭstrio kaj Vieno"** kun multaj bildoj.
5. **„Antologio de aŭstriaj verkistoj kaj poetoj de l' XX-a jarcento".** Ampleksa libro, prezentonta ekstrakte nian modernan literaturon kaj pensaron de la ĉefaj aŭstriaj aŭtoroj.
6. **Ĝojo per legado"** Sisteme arangita legolibro kun gradigitaj legajoj en prozo kaj poezio, donanta samtempe kvazaŭ kaleidoskope superrigardon pri nia tuta internacia gazetaro.

Pluaj detaloj sekvos!

Eldonejo „Aŭstria Esperantisto".

## Eldonaĵoj okaze de la 27-a en Roma.

**Oficiala Raportaro** (aldono al la Kongreslibro), eld. de LKK de 27-a Univ. Kong. de E. 1935.

Sur 68 paĝoj ni ricevas en 2 partoj raporton de UEA pri la aga jaro 1934/35 kaj de Esperantista Lingva Komitato kaj Akademio. Ni ne povas en kelkaj linioj, eĉ ne en longa artikolo doni al vi eĉ nur imagon pri la granda, peniga kaj valora laboro, kiun faris nia Centro en Genève. — Ĉiu s-ano nepre tralegu ĉi tiun kompilan verkon kaj li ne grumbelos, sed estos kontenta pri la farita laboro.

**„Romo kaj ĉirkaŭaĵoj".** Biblioteko „**La Verda Gvidlibro**", Touring Club Italiano (Itala Turisma Klubo). Eldonejo: Turisma Servo de Univ. Esperanto-Asocio, Genève kaj Esperanto Centro Itala, Milano. 228 pĝ. 4 kartoj kaj 28 planoj, 1935. Prezo en indikita.

La italaj samideanoj eldonis en la serio „La Verda Gvidlibro" kun helpo de Touring Club Italiano jam alian grandiozan gvidlibron „Milano kaj Lagoj de Lombardio". Admirante la kuraĝon kaj entreprenemon de niaj italaj samideanoj, apogitaj de nia Esperanto-Centro en Genève, ni ĝoju pri la eldono de ĉi tiu nova verko, kiu estis por la kongresanoj en la 27-a bonega gvidanto kaj amiko kaj estos sama al ĉiu s-ano, kiu vizitos la Eternan Urbon.

Tia verko nepre multe efikas en ĉiuj medioj kaj montros la grandan valoron de Esp. kiel helpilo por la fremduloj en iu lando.

Kaj la esperantistoj rekompencu niajn italajn amikojn. Aĉetu la libron, diskonigu ĝin kaj varbu per ĝi por Esperanto. St.

**Touring Club Italiano:** Planoj de Romo kaj de ĝiaj monumentoj; Kartoj de la ĉirkaŭaĵoj de Roma, 16 planoj kaj kartoj kun 3-paĝa teksto en Esperanto pri necesaj informoj por la kongresanoj — Belega donaco al la kongresanoj.

**Augusta Taurinorum,** la revuo de Comitato Manifestazioni Torinesi, Torino, Via Arcivescovado N. 7, eldonis por la partoprenintoj en la 27-a Univ. Kong. de Esp. en Roma apartan numeron en Esperanto. Sur 40 paĝoj (33 je 46 cm) ĝi montras per 90 belegaj bildoj la vidindaĵojn kaj antikvaĵojn de la bela urbo Torino. Belega eldono, ornamo por ĉiu salono — La Esp-grupo en Torino, kiu sukcesis eldonigi ĉi tiun verkon, povas nun ankaŭ havigi al la nepartoprenintoj de la kongreso ĉi tiun belan memoraĵon, se vi mendos ĝin ĉe kon ĉe la supre menciita adreso kiel eble plej baldaŭ aldonante por la afranko du poŝtajn intern. resp. kuponojn — Se plaĉas al vi la bela eldonaĵo skribu kelkajn liniojn al la eldonintoj.

**„Napoli, ĝiaj monumentoj, ĝiaj allogaĵoj, faŝistaj realigaĵoj"**, belega gvidilo, 14 pĝ, 15 bildoj. Bona helpilo por konatiĝi kun ĉi tiu unike bela urbo kaj Pompei, Sorrento, Vesuvo, Capri ktp.

**„Verona"**, gvidilo en itala, franca, germana kaj angla lingvoj kun algluita tekstpaĝo en Esperanto. Eldon. de ENIT.

**„Florenco la urbo de arto kaj beleco"**, 12 pĝ kun 12 bildoj kaj bonega urboplano. Eld. de „Movimento dei Forestieri", Via Vechietti 6, Firenze.

**„Kelkaj bildoj de la Foiro de Levanto en Bari"** kun granda plano pri Napoli en Esperanto, donaco de Foiro de Levanto en Bari al 27-a.

**„Ĉu vi konas Italion?"** 32 pĝ. libreto kun belega kovrilo kaj 48 bildoj. Impone bela eldonaĵo en Esp. de ENIT (Propagandoficejo de Ŝtataj Fervojoj).

**„Ĝoju . . !"**, 4 pĝ. anoncilo, ke la firmo „Motta Panettoni en Milano donacis al la kongresanoj la tipan italan kukon „Panettone Motta", kiu bone gustis al ili.

## Universitato de Liverpool.
### John Buchan-premioj en Esperanto.

Tri premioj po angla S 25.— estas donacataj ĉiujare de nia granda meceno John Buchanan por verkado de originalaĵo en Esp. kaj traduko el la angla lingvo Esperanten.

Temoj: a) por originalaĵo pri „La problemo de Neologismoj en Internacia Lingvo", b) traduko el: C. Bronte „Jan Eyre", ĉap. III de la komenco ĝis . . . „no pleasure ekcite them agreeably".

Povas partopreni en la konkurso studentoj aŭ diplomitoj el iu universitato de la Brita Imperio.

**Esperanto en najbara urbo Znaim**

Laŭ invito de Katolika E.-Grupo en Znaim la prez. de LKK. por 28-a Univ. Kong. de E. faris germanlingvan paroladon en Germana Domo de la ĉarma urbo Znaim en la sudo de ĈSR., kiun ĉeestis 80 personoj. La aranĝon faris la E.-grupo en kontakto kun la germana Klériga Komitato de la urbo, kies referanto salutis. 24 pers. sin anoncis por kurso.

Aro da s-anoj aliĝos al la kongreso, inter ili la ĉefaranĝanto mag. Höfert, prof. Hotasch kun edzino, dir. Brunner kaj Czerweny (del. de UEA) kaj aliaj.

**Sovetrusa porcelanfabriko uzos Esperanton.**

La administrado de fama fabriko por artaj objektoj el porcelano „Lomonosov" deklaris, ke ĝi konsentos presigi la prezaron esperantlingve kaj fari E.-insignon kaj la vorton „Esperanto", sur kelkaj artaĵoj kaj ofte uzeblaj objektoj el porcelano, se oni sendos al ĝi peton pri tio el kelkaj lokoj el eksterlando al: Fabriko de Lomonosov, Leningrad 3, poŝtkesto 2.

**Oesterreichische Verkehrswerbung**, varboficejo de Ministerio por Komerco kaj Trafiko, en sia ĵus eldonita programo pri „Aranĝoj en Aŭstrio 1935/36" notis pri nia Universala Kongreso kaj 12. Somera Universitato.

**Granda intern. medicina revuo „La Medicina Catalana"** publikigas en ĉiu numero la resumon de artikoloj en Esp. — La kunlaborantoj estas eminentaj medicinistoj.

**Esperanto en la Komerco.** Firmo Fausto Sorini en Castelleone, Italujo presigis sur la envolva papero de sia fabrikato jenon: »Attenzione!! Atentu!! Milda, la Caramella Esperantista. Esperanto-Karamelo.« La paperoj estas en 10 diversaj koloroj.

**Alliance Internationale de Tourisme, Bruxelles, 44 Rue de la Loi.**

Manuel de **Conversation à l'usage des** Touristes (**Manlibro pri konversacio por la** uzo de turistoj) **en franca, nederlanda, germana, angla, itala, hispana, dana lingvoj** kaj Esperanto.

Sur 116 paĝoj estas **kunmetitaj la por la** turisto necesaj demandoj **kaj respondoj en** 8 lingvoj, inter ili en **Esperanto. Vere bona** aranĝo de ĉi tiu **bona helpilo.**

Gevaert **Photo-Werke** aldonas al siaj artikloj nun ankaŭ instruilon pri uzado en Esperanto.

Bulgara **Esperantisto raportis en longa** artikolo pri **la vizito de kort. kons. Steiner** kaj publikigis **grupfoton ĉe la alveno sur** bulgara tereno **Ruse.**

„La Rondo", **Esperantista danco. Eldonis** Komitato de **V-a Kongreso en Barcelona,** 12 pĝ. libreto **kun desegnoj pri la unuopaj** dancfiguroj kaj **klarigoj. 2 int. resp. kup.** Ambaŭ libroj **haveblaj ĉe Iberia Esp.-Servo,** str. Provenza **75, 2, 3. Barcelona, Hisp.**

**Universala Veterinara Asocio**, fondita 1932, invitas la kolegojn al aliĝo. Adr.: D-ro pop Ivanov, Rahovo a. D., Bulgarujo.

**Frateco de Nova Vivo.**

Ĉiuj homoj povas dank' al sia Pensado, korekte uzata, tute transformi siajn vivkondiĉojn. — Ofte la homoj ne konscias tiun kapablon. — Por efektivigi idealon de pli Bona Vivo ni devas scii, kiel la Penso kreas kaj kiaj estas la kondiĉoj, kiuj faras ĝin efika. — Ĉu instrui al la homoj, kiel ili devas pensi por efektivigi sian idealon, ne estus la plej bonfara instruado? Ĉu ĉiuj esperantistoj ne entuziasme lernus ĝin?

Sciu, ke tia instruado ekzistas. La Frateco de Nova Vivo instruas al la homoj per koresponda kurso, kiel ili regos sian sorton dank' al la kreanta Pensado. Ĉar tiu instruado rilatas al neniu ajn tendenco, nek politika, nek komerca, nek religia, ĝi taŭgas por ĉiuj kaj do estas universala instruado. Tial oni tradukis ĝin en Esperanton. Informojn ĉe: Frateco de Nova Vivo, 4 rue Lamandé, Paris 17.

**La horloĝo de Newton.**

Iun tagon estis Newton absorbita de siaj profundaj filozofiaj meditoj, kiam lia servistino eniris en lian laborĉambron, ŝi alportis kaserolon kaj freŝan ovon, kiun ŝi volis kuiri en ĉeesto de sia mastro por servi ĝin tuj; tio estis la ĉiutaga matenmanĝo de la scienculo.

Newton, kiu volis resti sola, ordonis al la servistino, ke ŝi foriru, ĉar li mem kuiros la ovon.

La servistino lasis la ovon sur la tablo apud la horloĝo de la filozofo, konsilante, ke li lasu la ovon nur dum tri minutoj en la bolanta akvo; kaj ŝi foriris.

Imagu ŝian miron, kiam ŝi revenis post horduono por purigi la tablon kaj trovis sian mastron staranta antaŭ la kameno kun la ovo en la mano kaj la horloĝo en la bolanta akvo de kaserolo.

**Eldiroj:**

**J. A. Komensky:** Venu ĉiuj, de kiu ajn nacio, lingvo aŭ konfeso, vi ĉiuj, kiuj la plibonon penas atingi, venu kaj serĉu senlace dume ni tie ĉi vivas por trovi — la veron.

**Araba saĝeco:** Plej riĉa homo estas tiu, kiu posedas ĉion, kio estas neaĉetebla.

**Bulgara proverbo:** Rozoj kaj vero ne estas sendornaj.

**Coudenhove-Kalergi:** Ĉiu penado supozas konscian aŭ nekonscian taksadon aŭ valorigon. Naturajn valorojn ni ekkonas laŭ la efiko de ilia altirkapablo rilate al nia volo.

**Cato:** Pli multe mi estimas tiujn, kiuj ruĝiĝas, ol tiujn, kiuj paliĝas.

**Krupskaja Nadejda:** Kio estas feliĉo? La sukceso estas ĉio en la homa vivo. Ni volas, ke nia ideo penetru ĉien kaj plenumu sian programon. Tio estas feliĉo.

**Oskar II. de Svedujo:** Unufoje elparolita granda kaj vera ideo estas senmorta. La evoluo de la bono, kiun ĝi intencas, povas iufoje per eksteraj cirkonstancoj esti malhelpata, sed neniam ĝi povas esti subpremita kaj detruita.

**Pestalozzi:** Ju pli pura kaj nobla estas via animo, des pli intime vi estos amata, kaj ju pli multe vi posedas da interna valoro kaj da interna forto, des pli multe vi povas ami.

**Islama saĝeco:** Beleco de la viro sin trovas en lia prudento; prudenton ĉe virino oni trovas en ŝia beleco.

**Joubert:** La genioj komencigas grandajn verkojn, sed nur diligenta laboro finigas ilin.

**Kant Immanuel** Preskaŭ ĉiuj el la prepozicioj, kiujn mi konsideras objektivaj, estas fakte subjektivaj.

**Eötvös J.:** Ne estas pli granda malŝparemulo ol la avarulo, kiu perdas la tutan vivtempon por akiri tion, kion li mem ne kapablas konsumi.

(El „Regno de pensoj")

## Esperanto en Nov-Zelando.

Originala raporto.

Post longa diligenta laborado, kiu komenciĝis kredeble antaŭ tridek jaroj per la persista propagando, studo kaj instruo de pioniraj Esperantistoj, la Esperanto-movado firme kaj solide, eĉ se malrapide, disvastiĝas kaj establiĝas en Nov-Zelando. Ĝis la ekkomenco de la mondmilito, samideanoj laboris por Esperanto kiel individuoj, multloke kiel izoluloj, kvankam nacia asocio (N. Z. E. A.) fondiĝis kaj funkciadis en la „fruaj" jaroj. Kiel alilande, la milita kataklismo haltigis iom la progreson de Esperanto en Novzelando, kaj ĝis 1929 Esperantistoj daŭrigis sian individuan laboron, kvankam ekzistis kelkaj kluboj, k. s. en diversaj urboj. Estis en Januaro, 1929, ke la nacia organizo estis reestabligita de N. Z. samideanoj kaj post tiam la nuna N. Z. E. A. akceptis la taskon propagandi kaj fortigi la movadon en ĉi-tiu lando. Nuntempe troviĝas kluboj, k. s., ĉe Auckland, Hamilton, Palmerston Nth. Wanganui, Masterton, Wellington, Nelson kaj Christchurch, kaj la N. Z. E. A. posedas membrojn en pli ol 70 urboj ktp.

Dum la diversaj kluboj provizas instruadon ktp. en la lingvo al siaj membroj, la nacia organizo prizorgas la propagandadon. Sub la N. Z. E. A. aŭspicoj, ses naciaj kongresoj estis okazigitaj kaj provizis okazojn publikigi multe da informo per raportoj en tagĵurnaloj. Krome, penadoj en la interesoj de Esperanto jam estis farit j

al kelkaj ŝtatdepartementoj, al la redaktoroj de ĉiuj tagĵurnaloj en la Dominio, kaj al ĉiu kandidato ĉe la lasta voĉdonado ĝenerala. Du eldonoj (ĉiu en 3000 ekzempleroj) de propagandiloj estis presitaj, kaj dufoje ĉiujare la asocia „Oficiala Bulteno“ aperas. Koresponda kurso kompiliĝis.

Kvankam nia lando estas izola laŭ geografia vidpunkto, kelkaj transmaraj organizoj gravaj posedas delegitojn, agentojn aŭ reprezentantojn en Nov-zelando por prizorgi kaj faciligi siajn aferojn. Speciale notindaj en tiu rilato estas la Universala Esperanto-Asocio, Internacia Ligo Marista, Internacia Ligo de P. kaj T. Oficistoj, Oomoto-movado, kaj la Internacia Polica Ligo. La Brita Esperanto-Asocio havas specialan ekzamenanton en ĉi tiu lando, kiun honoran oficon okupas la estimata prezidanto de la N. Z. E. A., S-ro W. L. Edmanson. Jen fortaj ĉeneroj en la praktika ĉeno internacia!

Ĉion konsiderite, la Zamenhofa movado ĝuas kontentigan pozicion en Nov-zelando, kvankam restas multe da laboro por fari en ĝia intereso. Tamen, dank' al la vigla propagando per radio, la tagĵurnalaro, kluboj, Kongresoj, ktp., la ĝenerala publiko en la plimulto komprenas la Esperanto-celojn kaj ŝajne ilin ne kontraŭstaras. Ni kune daŭrigu la bonegan laboron!

W. H. K.

## Renkonto en la etero.

De Siegfried Freiberg.

**Siegfried Freiberg, naskita en Wien 1901, estas simpatia reprezentanto de la juna poetaro de Aŭstrio De li eldoniĝis en 1928 la poemvolumo „La 4-a tabulo“ (sonetoj al la gepatroj), en kiu la infanaĝa travivaĵoj dum ĝojo kaj doloro kortuŝe estas modlita; en 1935 „La elegioj kaj himnoj“, libro de grandaj formato kaj profundeco. Ankaŭ dramece Freiberger verkis: „Naŭsikaa“, tenis-ludo en 3 aktoj kaj la legendo-dramo „La blanka rozo“ prezentuta en „Neues Theater en Praterstraße“. — Baldaŭ aperos granda romano „La pano de la malriĉuloj“.**

Kiel malsamaj do la homoj estas! Antaŭ nelonge mi parolis antaŭ la mikrofono de Radio, mi al multaj homoj nekonata, esperemble al multaj, al kiuj tio, kion mi devis paroli, promesis doni iom da gajno aŭ ĝojo, sen ke ili devis vidi mian vizaĝon. Kaj kelkan tempon poste, ĵus dum la sama tago, kiam iu aludante al mia prelego deklaris, ke mi diskonigas botanikajn sciojn, kiujn la spertoj de la scienco ne ankoraŭ estis konfirmintaj, do ĝis nun ankoraŭ estas malveraj — nenion alian ĉi tiu estis komprenintа ol mian laŭdire malĝustan pretendon, kiu ĝus'e estis milono de mia prelego — la saman tagon mi ricevis de aŭskultantino leteron kun vera edziĝ-propono.

Estis tre bela letero kaj mi povus esti fiera pri ĝi, se mi ne devus pensi, kia spirita tipo tiu fraŭlino devas esti, kiu kapablis tion fari, kaj ĉu ne estas tio iom stulte „ideala“, tiamaniere akiri al si kunulon, jes — kaj ĉu fine la tro brava, regule pura manskribo ne malkaŝas al ĉiu, kiu ankaŭ nur malmulte lernis legi en manskriboj, ke certe temas pri homo, kiu ekstere kaj interne estas pedanta kaj neniam sin forgesos aŭ perdiĝos, nur unu horon, malofte belan horon? Sed ĉu oni ne ankaŭ sentas el ĉi tiu letero, kiu faras tutan vicon da kondiĉoj al la kunulo, respektindajn proponojn, ke ŝi en sia vivo ĉiam same kuraĝe kaj neŝanceliĝe iras al celo kiel en ĉi tiu okazo? Kaj ĉu tio ne denove estas nuntempa eco, de junaj homoj? Do ne tiel primitive naiva?

Ne. Je Dio, kompreneble ŝi estas prava Ŝi sentis la internan homon aŭskultante mian voĉon kaj miajn pensojn, kiuj certe montris mian animon, ĉar mi ne povas poeti alie. Kaj kiu povas fariĝi alia ol honesta, se li fariĝas esenca? Ĉu tio vere ne estas tiu momento, kiam fermita koro sin malkovras, kaj ĉu vera poeto ne ĉiam devas ekflamigi? Ĉu ni ne deziras en ĉiu libro, kiun ni amas, ami ties verkinton? La unuan fojon, kiam antaŭ kelkaj jaroj mortis eminenta verkisto, samtempe vera poeto, ĉar li nur vivis vivon de interna belo kaj grando kaj ĝin priskribis, tiam mi povis diri al mi ĉe lia enterigo, kiun mi partoprenis sen ke iu min estis invitinta: mi havas rajton stari ĉe la kuŝejo de l' mortinto, kvankam mi estis vidinta lin unu solan fojon kaj tro rapide, ĉar mi multon scias pri li, pli multon ol mi povas scii pri mia patro kaj pri mia patrino kaj pri proksimuloj, kun kiuj mi estas en la societa vivo, kiun ni ofte pli volonte ne deziras nomi tiel, ĉar ili neniam po is malkaŝi al mi tiel profundajn kialojn de sia animo, ĉar ilia animo neniam estis tiel multspece spirita kaj ĉar ne estis propra al ili la ĉiujn profundajn misterojn malkaŝanta vorto.

Jes, mi legis linion post linio en la libroj de ĉi tiu dibenita poeto kaj kun ĝojo mi lernis orientiĝi en liaj ventrokloj ĝis preskaŭ la plej interna, se oni povas diri tiel, ĉar mi scias, ke lia pensmaniero estis honesta kaj vera. Kiom da personoj rapidos ĉirkaŭ lia lasta kuŝejo, kiuj neniam lin vere konis!

Sekve ankaŭ estas prava la nekonatino, kiun mi baldaŭ ne plu nomos revulino. Ŝi precize scias, ke estas grave por la vivo, ke oni sin konas spirite, kaj tion ŝi certe scias el miaj vortoj, ke mi deziras iomete trapenetri la misteron de ĉi tiu mondo, ke mi vidas la mirindaĵon malantaŭ la aĵoj, se ili ankaŭ estas malgrandaj, kaj ke mi amas. Estis arboj, poploj antaŭ mia fenestro, estis bestoj, kun kiuj mi vivis, kaj mi ankaŭ konigis, ke mi amas homojn precipe tiam, se ili estas iomete similaj al la infanoj kaj ne agas tiel ribele, tiel fiere kaj ĉionscie. Ha, eble ankaŭ ĝojigis ŝin sciiĝi, ke mi amas la infanojn ...... kiel ĉarma tio estas de ŝi!

Kaj se mi nun meditas kaj pripensas ĉion, kion mi diris ....., ke mi luprenis ĉambron kun la elrigardo al la aŭtunaj koloroj de Schönbrunn kaj ke mi rigardas el la fenestro kaj perceptis la pejzaĝon kiel unuon kaj pri la soleco en tia meditado kaj pri la pli profunda fenestro de la animo al la pejzaĝo, pri la ĝojo al la simplaj kaj malgravaj aĵoj kaj eltrovoj, pri la senvaloraj altvaloraĵoj, kiujn la homoj nur tro malofte vidas — tiam mi sentas tutklare: mia malgranda modesta meditado jam estis amletero, longa amletero al la mondo. Kaj tamen estas belege, ke homo, unu el tiom multaj ĝin kunsentis kaj ĝin respondis. Ĝi ja devis esti respondata!

Kaj nun ŝi ankoraŭ skribas tion ĉi kaj tion ..... kaj starigis kondiĉojn, tiel ke ŝi ree min malgajigas. Kiom ofte la poeto estas tiel malproksima de sia animo, lia vivo tiel malproksima de sia poezio ..... kaj tial ŝi ankaŭ ne komprenos, se mi diros al ŝi la veron, ĉar ĉi tiun ŝi klare postulas, ŝi ankaŭ diras ĝin al mi. Nur sian nomon ŝi ne diras, mi ne estus ofendita pro tio, ĉar ŝi ĝenerale ne alte taksas la virojn. Ĉu ŝi nun ĝin komprenos aŭ ne? Mi ne estas entute tiu, pri kiu ŝi revis kaj kiun ŝi deziras.

Mi devas ŝin honeste disrevigi — kial ŝi ankaŭ starigis tiajn kondiĉojn? — mi ne plu estas sola, kia mi estis tiam, kiam mi plena de bela feliĉo elrigardis la fenestron; la anĝelo, je kiu mi eble ankaŭ serĉe elrigardis - mi diris ion similan - fakte jam estas ĉe mi. Depost mi estas skribinta ĉi tiun malgrandan meditaĵon kelkaj jaroj pasis. Mi kunestas kun virino en multaj varmegaj, belaj kaj iuj malagrablaj, malbelaj tagoj kaj aventuristo, pri kiu la nekonatino nenion deziras scii, mi tamen fakte ĉiam estas, ne kiel estas komprenate en la plej malbona senco, sed iom ankaŭ tiel. Do kiuj privilegioj restis ankoraŭ al la poeto? Ĉu tamen ĉiu geografo ne ankaŭ estas anonima vagulo kaj vagabondo, kiam li ne nur vidas la sekajn aĵojn de l' scienco sed restadas en la sekeco de la „objektiva, scienca“ konsiderado.

Jes kaj mi konfesas eĉ al la nekonatino, ke mi tute mallaŭte haltis mallongan tempospacon ĉe ŝia klarigo kiun ŝi do pensis ne rajti preterlasi, kaj ŝi estas gracia, granda kaj blonda, ĉar tio speciale devis ĝojigi min — kaj mi hontas antaŭ ŝi, kiu ne faras diferencigon kaj estus al mi kamaradino, se ankaŭ mi estus malgranda, malbelega kaj malriĉa. Ĉu mi ne hontu, se mi plej volonte tuj estis dezirinta bildon de ŝi. Ho mi scias, mi ŝin imagas bela, pli bela ol beleta, blonda

kaj ĉarme bona kaj grandioze genia. Sed ŝi ankaŭ ne havas malĝustajn antaŭsupozojn: mi ankaŭ ne estas tute malkonsiderinda kaj ignorinda.

Sed kial mi ankoraŭfoje seniluziigu ŝin? Ŝi deziras al si viron en pli matura aĝo. Ho, kaj mi ankoraŭ tro juna, fakte nur je du jaroj pli juna ol postulas la de ŝi fiksita limo. Sed kiel mi min sentas kaj kiom ofte mi devas klarigi al la homoj, ke mi fakte ne plu estas dudekkvin-jara! Fakte ne plu!

Ĉu tio ne estas tre malprudenta? Nun la anĝelo estas ĉi tie kaj mi devas ŝin forsendi, ĉar ŝi ne volos havi ion komunan kun mi — mi ne pentris min pli bela ol mi estas — aŭ ĉu mi ne devas diri al ŝi la veron? Sed por tio mi ne povus oferi du horojn, ĉar ŝi tion tute precize scias: la verkinto de ĉi tiuj kelkaj simplaj vortoj havas konscion, ne tiom en malgravaj aferoj, en tiuj li estas kvazaŭ senkonscia kiel ĉiuj, sed tiam, kiam temas pri la kredo en la homo kaj pri la fideleco. Ne, ke li ne povus esti malfidela, li certe estas anko aŭ fidela ĝis trans la malfideleco.

Sed ĉio tio ja estas jam tro komplikita kaj mi ne havas la rajton postuli de ŝi, ke ŝi sekvu min en malklarajn pensoregionojn, kiel mi mem neniam devas igi ŝin en rila'oj al mi, kiuj ne kapablas alporti al ŝi senzorgan feliĉon. Ĉar ŝi nur antaŭsentas la ĉagrenon, kiu kaptas tian viron dume li bone faras maljustaĵon. Se li ankaŭ scipovas sorĉi eksteren, ĉar li estas poeto, aliigas maljuston en juston, ŝi ne volas konsenti pri tio. Kiel nun estas interne en la homo kaj ĉu ne poste venos la horo, kiam li sopiras esti libera kaj for de ĉiuj gravaj asocioj de sia animo, kiam li serĉos la juston kaj la simplecon, la vivon en la enpensema soleco je herbejo, arbaro kaj ĉielo, la plenumon en la spirado de senbrua ĝojo.

Ho, kiom da malfacilaj, ne simple klarigeblaj aĵoj ekzistas kaj kiom multe ankoraŭ estas en ĉiu homo je pensoj kaj postuloj, kiom malofte okazas, ke homoj sin povas malkaŝi ĝisprofunde kaj travideble kontraŭstaras unu la alian. Kiomaĝa oni devas fariĝi, por nur iomete trapenetri la spertojn de la jaroj kaj ilin kunfandi al unuaĵo? Ĉu tio iam estos ebla? Kio finfine estas la karaktero? Kaj ĉu ĝi ĉiam estas la organa kunligaĵo de ĉiuj spertoj? Kiu tion tuj ekkonas en la ekstera konduto, kiu tion ankoraŭ legas de la al maskoj fariĝintaj vizaĝoj de la homoj? Se oni ne plu povas fidi al la vortoj de poeto...!

Ho, la poeto tion jam kapablos klarigi, sed en li mem ne ankoraŭ estos klare. Li asertos, ke al li la malklareco ĉiam denove estas donacata, nur por ebligi al li skribi klare. Ĉia alia skribmaniero tamen estas de malplia signifo. Li diros: ankaŭ mi bezonas la konflikton. Kaj se vi ankaŭ estas blonda, morgaŭ nigra min turmentos kaj dezi·os esti mia kamarado. Li volos havi multajn amikojn, ĉar li ilin ĉiujn amas kaj nur sendas amleterojn al la mondo, se oni komprenas ĝuste liajn vortojn, kiel li deziras, ke ili estu komprenataj. Li bezonos la aventuron kaj la malesperon, la odoron de l' malvirto kaj la aeron de l' pereo kaj la belecon kaj la grandon kaj la sperton de la peko pro la puriĝo.

Jes, poeto nuntempe ne plu sin vestas strange, li prezentas sin en la kutima vesto de ni j tagoj kaj vespcroj kaj samtempe estas la malsaĝa, sovaĝa besto, sopirema al ĉiuj kaŝitaj posedaĵoj de l' vivo. Internan riĉecon li deziras se li ankaŭ pensas ĝin akiri per ekstera vivriĉeco, ja se ankaŭ la moraleco postrestas dumvoje — kiel malproksima do ĉiam estis la kutima moral-leĝaro de l' mondo!, — dume li tamen finfine ricevas pro doloro kaj rezigno la plej grandajn valorojn.

En ĉi tiu horo de en-mem-iĝo li estas la poeto, tiam li kreas la verkon, kiun ni emas ke ĝi eniru niajn pensojn. Kaj pro ĉi tiuj malofta] horoj en krome neordinara, neburĝa, nereala ekzisto sen ordo — tiel oni tamen povus pensi — pro ĉi tiuj anĝelhoroj tamen devus estiĝi komprenemaj amikoj kaj virinoj, kiujn la luktanto sopiras por la tagoj de siaj venkoj. Sed antaŭ la ŝanĝiĝemaj, senripozaj tagoj de l' demono oni ilin ĉiujn devus averti kiel antaŭ ventego kaj pluvo, kiuj ĝuste estas liaj amikoj. Oni igus ilin pripensi, ke por tiuj estaĵoj nenio superas iliajn laborojn, kiujn ili dum tuta vivo ne finos.

Kie estas la kuneco trans jarojn, kiu ne estas ligilo kaj tamen ne disrompiĝas ĉe ĉiuj rifoj? Kiel povas esti interligiteco inter du, se unu ĉion ŝiras al la lumo? Ĉu ne ankaŭ ĉi tiu timema provo de amesprimo de l' poeto estas erarkomprenita kaj kiel plaĉas tiu varbanta letero de sentema virinanimo en la mokega ridado de la publiko?

Sed malgraŭ tio, iun el miloj la vorto de l' poeto ekflamigis tiel, ke li superis ĉiujn antaŭjuĝojn kaj vokis la kreinton de tiaj vortoj, simple kiel infano kaptas al aĵoj, kiuj plaĉas al ĝi kaj pri kiuj ĝi ne scias, kiamaniere ili estas kunmetitaj.

Kaj nun al la poeto ankaŭ ci tiu letero fariĝis travivaĵo kiel tiom multo. Li sidas tie, direktas malrapide la plumon trans la paperon kaj diras al la mondo, ke ankaŭ tiu atentu pri tio kaj ekpentu, ĉu ĝi nun ŝatas admiri aŭ priplendi la firmecon de l' propra koro.

Sed la neobeema poemo jam estos pluirinta sufiĉan pecon de l' vojo kaj deziros al siaj manoj verkon, por ke pro tiu multaj amleteroj fin atingu, tute sen konflikto, su ite el la liberigi a koro de plej pura sindediĉo.

---

**Dr. Heinrich Arnhold †**

Subite mortis la 10. de okt. Konsulo d-ro Heinrich Arnhold, bankiero en Dresden, en aĝo de nur 50 jaroj. La fama pacifistino Bertha von Suttner lin instignis al Esperanto kaj en 1906 li fariĝis lernanto de s-ino Hankel. Li estis kasisto de GEA kaj prez. de Saksa E.-Ligo, membro de iama Konstanta Kongresa Komitato (KKK), membro de Konstanta Reprezentaro de la Naciaj Societoj (KR) por Germanujo, de Lingva Komitato kaj dum multaj jaroj patrono de iama ICK. UEA nomis lin Honora Membro kaj Int. E.-Muzeo Kuratorator-ano.

Fervora, ĉiam helpema s-ano forlasis nin. Sinceran kondolencon al la familio.

IEMW, AEA.

**Proverbo:**

(El la germana lingvo Esperantigis: Richard Kreutel.)

Se herbo kovras jam aferon
Malagrablegan por memor',
Alkuras certe iu bovo
Kaj ree ĉion manĝas for.

**La azeno.**

Oni ŝarĝis azenon per salo. Ĝi venis al rivereto, faletis kaj falis en la akvon. Kiam ĝi ekstaris, ĝi rimarkis, ke ĝia ŝarĝo fariĝis multe pli malpeza. Kun ĝojo ĝi notis tion en sian memoron.

Foje la azeno ree venis al la rivereto, sed nun oni ŝarĝis ĝin per spongoj. Propravole ĝi kuŝiĝis en la akvon, sed . . . ho ve, la spongoj per la akvo tre peziĝis kaj la azeno ne plu povis ekstari kaj dronis senhelpe.

**Famili doloroj.** »Diru al mi, ĉu vere via tuta familio havas dent-dolorojn?« — »Jes, bedaŭrinde. Nia malgranda Edi ricevas la unuajn dentojn, lia frato la duajn kaj mia edzino — la triajn.«

**Inter bestoj.** Du ŝafhundoj amuziĝas en popolĝardeno. »Mi ne fartis bone de longa tempo, viandon mi ricevis nur unu fojon en la semajno.« — Ankaŭ mi havis malbonan junaĝon«, sopiras la alia, »mi devenas el Tibet kaj tie mi devis ofte kuri kelkajn horojn ĝis kiam mi venis al la plej proksima arbo«.

**Korespondado:**

**Polujo:** Stefan Florczyk, oficisto en nafta-fabriko, **Trzebinia**, kun lernantinoj.

**Anglujo:** Walter kaj Gladys Barnfield, 1.6 Uplands Ave, **Rowley Regis**, **Staffs**, kor. kun sperta esp.-isto.

